# Karaj Legantoj!

Kiam vi enmanigas la plej freŝan numeron de la fervojfaka revuo kaj organo de IFEF *Internacia Fervojisto*, pri ĝia eksteraĵo vi konstatas neniun ŝanĝon. Malgraŭ tio en la historio de nia organo tamen okazis ekstrema, grava ŝanĝiĝo. Finiĝis la 62-a IFEF-kongreso, la revuo tradicie informas la legantojn pri la eventoj kaj rezultoj de la kongreso kiel ĝis nun ĉiam.

Eble la plej grava evento de la kongreso estis, ke la kongreso devis elekti novan estraron, ja laŭstatute finiĝis la mandato de la ĝisnuna estraro de IFEF. La elekto de la funkciuloj ĉiam donas grandan preparlaboron, kelkfoje malfacilaĵojn, ja la kandidatigo ĉiam inspiras trovi la plej eminentajn, kapablajn personojn je la gvidaj postenoj. La lasta tiucela preparlaboro de la kandidatigo pli malfaciligis tiun ĉi taskon la ĝenerala, tutmonda ekonomia dekadenco, krizo, la alta nombro de la ĝenerala senlaboreco, ja tiu negative influas la nuntempan homan vivon, eĉ same la membronombron de la asocioj kaj federacioj.

La ĉijaran elekton – krom la menciitaj – pli malfaciligis, ke el la kvinmembra estraro demisiis kvar estraranoj; kiel sciate: la prezidanto, vicprezidanto, sekretario kaj redaktoro; ja ili delonge plenumas sian postenon, la tempopaso daŭre "muelis" iliajn nervon, sanstaton, energion, neparolante pri la malboniĝo de la privataj kaj asociaj ekonomiaj situacioj. La abdikantaj estraranoj vidis bezonata freŝigi, pli junigi la gvidantaron anstataŭ si.

Malgraŭ la eksterordinara klopodo, larĝskala esploro sukcesis kandidati kaj elekti nur je tri postenoj, la kvaran (nome la redaktoran) postenon neniu emis entrepreni; sed estas netolerebla la malapero de la organo de IFEF, konsekvence ĉesigi la redaktoran postenon. Post multa fiasko, nesukcesa eksperimento venis ideo de iu: la ĝisnuna redaktoro kolektas la materialojn kaj fotojn, poste transdonas en kruda stato al hungaraj fervojistaj esperantistoj, nome al István Gulyás, kiu lingve kaj enhave kontrolas la artikolojn kune kun János Patay. Fine József Cziboly enpaĝigas, faras la teknikan redaktadon.

La menciitaj membroj de tiu kvaropo havas la bezonatajn kapablojn, ili entreprenas la specialan, inter si dividatajn taskojn ĝis la elekto de nova redaktoro.

**Tiu ĉi revuo estas redaktita provizore de portempa skipo. Oni devas urĝe trovi kaj elekti respondplenan redaktoron. Ne eblas daŭri la vivon de IFEF sen ĝia organo.**

**József Cziboly, István Gulyás,**
**János Patay, Jean Ripoche**

## Frontpaĝo:
Kongresanoj antaŭ la katedralo en Sofio

## Enhavo:

# Pri la 62-a kongreso de IFEF en Sofio (Bulgario)

IFEF kongresis la kvaran fojon en Bulgario. Ĉijare la ĉefurbo Sofio akceptis 136 kongresanojn venintajn el 18 landoj.

Post la alveno la kongresanoj kolektiĝis en hotelo „Budapest“ por partopreni la interkonan vesperon kaj gaje saluti unu la alian.

Bedaŭrinde la komuna kunsido de la estraro kaj LKK forrestis, ĉar la LKK ne havis tempon por partopreni.

**La solena inaŭguro**

En la granda salono de la Centra Stacidomo dimanĉe antaŭtagmeze la partoprenantojn kaj gastojn bonvenigis infanoj en naciaj popolkostumoj, kiuj donacis rozojn al ili, ĉar la rozo estas simbolo de la lando. Infana ensemblo prezentis popolajn dancojn kaj ricevis la longdaŭrajn aplaŭdojn de la ĉeestantoj.

La prezidantino de LKK Petja Aleksandrova bonvenigis la ĉeestantojn kaj emfazis, ke Bulgario jam kvaran fojon gastigas kongreson de IFEF.

Dum la inaŭguro partoprenis unu reprezentanto de fervoja organizaĵo – S-ro Valentin Kanĉev – kiu transdonis la saluton de la ĝenerala direktoro de la Nacia Kompanio de Fervoja Infrastrukturo. S-ro Petar Todorov, prezidanto de la Bulgara Esperanto-Asocio salutis la kongreson, kaj koncize parolis pri la agado de la bulgaraj esperantistoj. S-ino Veselka Kamburova en la nomo FISAIC, S-ro Ljubomir Trifonĉoski flanke de la Esperanta Civito, kaj S-ino Radka Stojanova en la nomo de la Esperanto Domo de Razgrad salutis la Kongreson. Poste S-ro István Gulyás transdonis la salutvortojn de la estraro kaj de la Centra Oficejo de la Universala Esperanto-Asocio. Fine sekvis la salutvortoj de la reprezentantoj de la landaj asocioj de IFEF: Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hungario, Hispanio/Katalunio, Kroatio, Litovio, Nederlando, Norvegio, Pollando, Rumanio, kaj kiel kutime ĉe la fino de la gastiganta lando - Bulgario.

Poste la prezidanto de IFEF, d-ro Romano Bolognesi faris festparolon. La prezidanto en sia parolado trarigardis la plej gravajn agadojn de la bulgara Esperanto-movado, kaj parolis pri la nuntempa malbona situacio en la mondo. Poste li parolis pri la graveco de la



*Kongresanoj en la 62-a IFEF-Kongreso*

IFEF-kongresoj. Fine li esprimis sian esperon, ke la nova estraro alportos pli freŝajn fortojn kaj ideojn.

Antaŭ la malfermo de la kongreso la prezidanto de IFEF transdonis la plej valoran distingon de „Honora membro de IFEF" al s-ro Heinz Hoffmann pro la longjara kaj sukcesa agado sur la tereno de la terminara laboro. La sekva distingito kiu ricevis la distingon „Honora membro de IFEF" estis s-ro Jean Ripoche pro la plurdekjara laboro por Esperanto, kaj pro la redaktora aktiveco en la kadro de IFEF-estraro. Fine s-ino Marica Brletič ricevis la distingon „Honora membro de IFEF" el la mano de la prezidanto pro la longjara laboro en la kadro de la Kroata landa asocio, kaj pro la sekretaria agado dum tri oficperiodoj en la IFEF-estraro.


*Marica Brletić transprenis la distingon de la prezidanto*

Post la inaŭguro okazis komuna fotado, kaj la kongresanoj havis eblecon rigardi interesan ekspozicion fare de S-ro Georgo Litov.

**Komitatkunsidoj**

La nepublika komitatkunsido okazis lunde antaŭtagmeze en la VIP-salono de la centra stacidomo. La komitatanoj pridiskutis la elekton de la estraranoj, la kasbilancon por 2009 kaj la budĝeton por 2011, la situacion de kelkaj landaj organizoj kaj la invitojn por la venontaj kongreslandoj. Oni analizis ankaŭ la eksterajn rilatojn kun UEA kaj FISAIC.

La plenkunsido okazis marde posttagmeze. La raportoj de la kvinkapa estraro, la ĉefkomitatano, la komisionanoj kaj la komisiitoj estis unuanime


*La malnova estraro dum la komitatkunsido*



*Kongresanoj dancas dum la balo*

aprobitaj. La plej grava tagordpunkto estis la estrarelekto. Estis konate, ke el la kvinkapa estraro de IFEF kvar estraranoj demisiis (prezidanto, vicprezidanto, sekretario kaj redaktoro), nur la kasisto planis daŭrigi la estraran laboron. Tri kandidatiĝo alvenis al la ĉefkomitatano, kaj la komitato elektis ilin por la nova estraro. S-inon Rodica Todor el Rumanio la komitato elektis por la funkcio de prezidanto, s-ino Sylviane Lafargue el Francio iĝis vicprezidanto, kaj Vito Tornillo el Italio iĝis sekretario. Por la redaktora posteno ne alvenis kandidato. Provizore restis la nuna redaktoro, kaj helpe de hungaraj fervojistaj esperantistoj komune redaktos la revuon Internacia Fervojisto. La komitato traktis la financajn demandojn, kaj kun ĝojo sciiĝis la financan stabilecon. La komitato akceptis la resuman jarraporton pri la pasintjara agado de la landaj asocioj de IFEF, kaj analizis la situacion en kelkaj landoj.

La komitato konstatis, ke la interrilato kun UEA estas fruktodona, sed IFEF havas problemon en la komuna laboro de FISAIC. Ĉefe la nuna estraro de FISAIC deflankiĝis de la antaŭa kunlaboro. Estas ĝojplena afero, ke en la venonta jaro la IFEF-kongreso okazos en la ĉeĥa urbo Liberec, en 2012 la kongreso okazos en Germanio, en la Esperanto-urbo Herzberg, eĉ en la jaro 2013 la francaj fervojistaj esperantistoj planas organizi IFEF-kongreson.

**Fakaj kunvenoj**

La Faka Komisiono havis apartajn programojn, kaj kunsidis dum la kongresa semajno plurfoje. Okazis la transdono de la 18-a numero de Fervojfakaj Kajeroj al la fakuloj, kaj okazis interesa fakprelego de s-ro Angel Maglov kun la titolo „Rekonstruo kaj modernigado de fervojlinio Plovdiv-Svilengrad ĉe turka-greka landlimo”. La titolo de la alia fakprelego estis „Perspektivoj pri disvolviĝo de la fervoja infrastrukturo en Bulgario”. Okazis multaj demandoj kaj aldonoj al la unua fakprelego, kiuj kompletigis la temon. Bedaŭrinde pro manko de tempo la dua prelego ne estis finita, pro tio la fakuloj povis ricevi kopion pri la prelego. La komisionanoj traktis multajn terminojn ĉefe por la sekva eldono de PIV, kaj akceptis la modifajn esprimojn laŭ la difinoj.

**Forumo de movadaj aferoj**

Kiel kutime la temoj estis ege interesaj, kaj multaj ĉeestantoj diris siajn opiniojn. Temis la strukturŝanĝo de IFEF per la disvastigo de la individuaj membrecoj. Okazis propono por montri la IFEF-agadon al tiuj eksteraj firmaoj, kiuj servas al la fervojo. Ankaŭ temis pri kursoj en la fervojaj lernejoj.

**Oficiala akcepto**

Marde antaŭtagmeze okazis oficiala akcepto de la urbestro de la urboparto Serdika de Sofio. 22 fervojistaj esperantistoj partoprenis tiun. La urbestro donis al ĉiuj ĉeestantoj blazonon de la Serdika urboparto.

Post la akcepto la kongresanoj partoprenis en la katedralo Sankta Aleksandro Nevski oficialan diservon okaze de la granda festo „Sanktaj Kirilo kaj Metodio”, kiun gvidis la metropolito de la Bulgara Ortodoksa Eklezio.



*Han Zuwu el Ĉinio kaj la urbestro*

**Kulturaj aranĝoj**

Inter la kulturaj programoj la kongresanoj ĝuis la baleton de ok studentoj de la Nacia Akademio pri Teatro kaj Kino-arto. Ili prezentis la spektaklon „Lernejo por feliĉo”, kiu prezentado samtempe estis ŝtata ekzameno por la ok studentoj. Estis interesa spektaklo.

La Nacia vespero estis belega. Nenombreblaj dancgrupoj kaj ĥoroj faris

neforgeseblan programon.

De infanoj ĝis maljunuloj ĉiu aĝklaso reprezentigis sin. La spektaklo estis varia, kolora kaj ege interesa, kaj laŭmerite ricevis ĝi longajn kaj fortajn aplaŭdojn.

**La venonta IFEF-kongreso**

La 63-a kongreso prezentis sin pere de filmo pri la kongresurbo Liberec kaj pri Prago, kie okazos tuttaga ekskurso, kaj tie okazos ankaŭ la postkongreso. Post la filmprezentado la prezidanto de LKK de la 63-a IFK, s-ro Ladislav Kovař donis abundajn informojn pri la kongreso, pri la hotel- kaj vojaĝ-eblecoj, pri la ekskursoj ktp.

**Ekskursoj**

Lunde posttagmeze okazis la duontaga ekskurso. Ĉirkaŭ 50 kongresanoj partoprenis dum la ekskurso, kaj faris piedpromenadon – helpe de profesia ĉiĉerono – en la malnova urboparto de Sofio.

La tuttaga ekskurso okazis merkrede. La partoprenantoj per du aŭtobusoj vojaĝis al urbo Vraca. Dumvoje la ĉiĉerono anoncis, ke la dua parto de la ekskurso – vizito de la urbo Belogradĉik, kaj ties ĉirkaŭaĵoj, la rokaj mirakloj ktp. – forrestas. La partoprenantoj ricevis nur la duonon de la ekskurs-



*Ekskursantoj antaŭ la memortabuloj en Vraca*




*Ekskursantoj en la urbo Vraca*

programoj. La tuttaga ekskurso estis interesa, kaj dank' al la esperantistoj el Vraca ni ricevis kelkajn neatenditajn programojn. Ni vizitis la Regionan Historian Muzeon, kaj la Etnografian Muzeon, eĉ ni povis rigardi dancojn kun junulinoj en la Junulara Kulturdomo. La vizito de la groto „Ledenika" estis interesa, ĉar en la groto estas belegaj stalaktitoj kaj stalagmitoj, sed trairi la ege malvastajn kaj malaltajn lokojn inter la stalagmitoj por kelkaj dikaj kaj maljunaj partoprenantoj ne eblis. Post la vizito de la groto okazis granda ŝtormo kun timigaj fulmofrapoj kaj kun hajlo. Fine ĉe la rando de la urbo Vraca ni rigardis memortabulojn de kelkaj Esperanto-kongresoj, inter ili la 19-an TEJO-kongreso.

**Fermo de la kongreso**

Dum la fermo de la kongreso la LKK prezidanto taksis la kongreson, kion kompletigis la nova prezidanto de IFEF. La kongresan flagon transprenis s-ro Ladislav Kovař LKK-prezidanto de la sekvonta kongreso.

**Resumo**

La 62-a IFEF-kongreso donis al la partoprenantoj agrablajn horojn, multajn belegajn travivaĵojn, sed donis al ni ankaŭ kelkajn amaraĵojn, kiel la malbone funkcianta komunikado, la enhavo de la kongreslibro, la ŝanĝitaj kelkaj programoj kaj lokoj, la ekskursaj problemoj ktp. Tamen la kongresanoj ĝuis la kunestadon, la fruktodonajn diskutojn kaj la Esperanto-etoson.

**István Gulyás kaj Jean Ripoche**

# Salutvortoj de la Prezidanto dum la solena malfermo

Estimataj, Eminentaj Gastoj!
Bravaj Organizantoj! Karaj Kongresanoj! Samideanoj kaj Kolegoj!

Ĝoje mi bonvenigas vin en la IFEF-Kongreso de la jaro 2010. Estas tre grave kaj esperige, ke landa asocio, nome la Bulgara, la kvaran fojon (post la 20-a en Varna 1968, la 36-a en Slanĉev Brjag 1984, la 54-a en Plovdiv 2002) organizas en Sofio nian pintan manifestacion. Ni devas gratuli kaj danki al niaj gekolegoj pro la entreprenemo kaj pro la granda laboro.

De la unuaj kongresoj multaj cirkonstancoj ŝanĝiĝis, okazis tuta „mutacio", politika kaj ekonomia. Tiam la „orientanoj" sopiris vojaĝi por viziti la okcidentajn landojn kaj inverse, la aliaj emis veni por vidi la eŭropan orienton.

Estas konate, ke la esperantistoj ĉiam malŝatis fermitajn barilojn kaj tio ne malofte estigis por ili malagrablaĵojn kaj suferojn. Ne nur perparole ili ĵetis energiojn kaj korojn trans la absurdajn limojn tra nordo kaj sudo, tra okcidento kaj oriento, trans ĉiaj obstakloj kaj ĉiaj ideologioj.

Bonŝance, la plej krudaj tempoj estas for, nun ankaŭ Bulgario estas unu el la membrolandoj de la Eŭropa Unio kaj nun multaj civitanoj rajtas facile moviĝi de lando al lando.

La nuntempaj trafikaj, ekonomiaj internaciaj rilatoj multe pli ol antaŭe permesas fekundajn interŝangojn, kaj nia lingvo Esperanto per sia lernebleco kaj per sia animo aparte taŭgas por favori tion.

Tre fiere ni rajtas aserti, ke ni esperantistoj, de ĉiam persiste zorgantaj por pli bonaj interhomaj kontaktoj, praktikas kaj montras vivkoncepton, kiu estas de ĉiam kaj certe estos por ĉiam avangarda.

El historiaj fontoj ni scias, ke jam en la jaro 1909 agadis iuj fervojistoj esperantistoj en Bulgario (tiam sub la otomana regado) kaj, ke en 1913 aperis adreslisto ankaŭ kun bulgaraj fervojistoj.

Dum la du mondmilitoj la cirkonstancoj estis terure malfacilaj. Inter ili estis iom da agado en la fruaj tridekaj jaroj, tamen baldaŭ malpermesata. Poste, eĉ ĝis la jaro 1957 okazis same, kiam iom pli bonaj kondiĉoj permesis la refondon de iuj lokaj grupoj kaj fine de tutnacia esperantista fervojista organizo, aganta ankaŭ internacie.

Tio pli-mapli daŭris ĝis la jaro 1977, kiam pro valutaj malfacilaĵoj la bulgara fervojista sekcio ne plu rajtis esti landa asocio de IFEF. Tamen jam en 1978, dum la 63-a UK en Varna denove okazis fervojista kontaktkunveno.

La izoliĝo ĉesis en 1984, kiam la bulgara asocio povis internacie revivi per aliĝo al la FISAIC kaj organizi memorindan multnombran kongreson en Slanĉev Brjag, sub la gvido de la prezidinto Marin Marinov.

Alternaj periodoj sekvis, dum kiuj la agado lamis ĝis 1998, kiam inĝ.

Vaselka Kamburova estis Prezidanto kaj iĝis samtempe gvidanto de la Bulgara FISAIC-Sekcio. En 2004 ŝi sukcese estris la LKK-n de la 54-a IFK en Plovdiv kaj nun ŝi gvidas la 62-an.

Ni antaŭĝojis la vizitojn de belaj landlokoj kaj la restadon en la ĉefurbo, en kiu nestis antikvaj kulturaj kaj artaj tradicioj kun la espero, ke nia kongreso kaptu la atenton de la urbestraro kaj de la loĝantaro, fruktigante bonon kaj amikecon.

Ni certe sentigos nin tre agrable kaj ni ĝue vivos la lokan etoson spirante ĝian fascinojn en la plej bona maniero. Ni ne bedaŭros la partoprenon, ĉar la gastiga Loka Kongresa Komitato, la kongresejo, la gasteblecoj, la multaj programeroj kontentigos ĉiajn gustojn.

Ĉu utilas mencii ĉi tie pri la plej timigaj kaj la malbonaj faroj de tiu ĉi turmentita homaro, kiu ne volas, aŭ ne kapablas alfronti la problemojn kaj interrilati pacmaniere. La multaj informoj el la mondo pri naturaj katastrofoj, ekonomia krizo, terorismoj, militoj kaj aliaj fifaroj, aldone al tro alta demografia premo, ne permesas al ni esti tro trankvilaj. Fakte nia mondo estas en daŭra, kreskanta danĝero ĉar la plej oftaj kaj sukcesaj entreprenaĵoj de la homaro estas ĝuste milita ekspluatado de homoj kaj naturrimedoj, poluciado de la natura medio. Pensu al la nuntempa terura petrolumado en la Meksika Golfo.

Sed, kial ankaŭ en paca esperantista kongreso oni devas revoki tion? Respondi estas simple, ĉar temas pri nia nuno kaj pri nia ne tro certa estonto.

Lige al tio, inter la supraj amuzaĵoj estas ankaŭ la lingva imperiismo, kiu pli kaj pli malaperigas la malpli fortajn lingvojn. Esti esperantisto signifas, ke oni akceptis superan moralan celon kaj defion por eviti aŭ almenaŭ bremsi tiun pereigan fenomenon.

Ĉu la bonintencaj homoj faras sufiĉe por eviti damaĝojn kaj kontraŭi malbonfarojn? Ni devas postuli ankaŭ de ni mem pli da konscio, ĉar ni ĉiuj estas sur la sama boato, nia planedo Tero, kies estonto ĉiam pli dependas de saĝaj elektoj por la konservado de la natura ka homa medioj, en kiuj, kaj per kiuj ni ĉiuj vivas.

Por plu pretervivi, la homaro bezonas pli efikajn interrilatajn rimedojn, ankaŭ por pli efike konsciiĝi pri tiuj gravaj problemoj. Do, pli kaj pli nepre necesas supernacia interkomprenilo.

Ni certas, ĉar ni praktikas ĝin, ke jam ekzistas ilo kapabla helpi la homajn interrilatojn. Ni certas kaj aktive pruvas la perfektan uzeblecon kaj superecon de Esperanto por ĉiuj homaj celoj. Pro tio ni ne devas ĉesi daŭre persisti en nia agado, esperplene, kuraĝe kaj firme kontraŭ ĉiaj nekomprenoj kaj malfacilaĵoj. Ni certas, kiel d-ro Zamenhof estis konvinkita, ke iam la homoj elektos pli bonan manieron kunvivi.

Malgraŭ ĉiuj obstakloj Esperanto sukcesis superi terurajn provaĵojn, sed multaj homoj ankoraŭ nun ne konas aŭ ne konsideras ĝin.

Ni ne timu: malofte la plimultoj estas pravaj nur surbaze de kvantoj. Eble, la minoritata Esperanto estas ideo ankoraŭ tro avangarda. Eble ni esperantistoj ne tiel efike kaj forte kapablas aŭ kuraĝas subteni ĝin. Tamen, ni ne forlasu iri plu.

Ni fervojistoj esperantistoj kongresas ĉefe por kunlabori, kunmetante energion kaj pasion por atingi niajn celojn: progresigi la Internacian Lingvon kaj nian Federacion.

Ni plu organizu kaj utiligu niajn kongresojn ankaŭ kiel forumojn malfermitajn al ĉiuj, por libere esprimi niajn ideojn kaj interŝangi demokratajn opiniojn, bone sciante, ke tio plene efektiviĝas nur per bona uzado de nia komuna lingvo Esperanto, kiu ebligas al homoj el la plej malproksimaj landoj kaj kulturoj kunligiĝi je ĉiu ajn nivelo.

Do, ni profitu plu ellerni la Lingvon kaj eĉ pli trafe montri la plej bonan manieron internaciskale komuniki sen tradukaj aparataroj, sen interpretistoj.

Niaj plej gravaj kongreseroj estas la kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono kun la fakaj aranĝoj, ĉar ili montras la progreson de nia agado, taksas nian laborkapablon kaj nian adaptiĝon kaj kontribuon al la rapide evoluanta fervoja tekniko. Dum ilia disvolviĝo, same kiel dum la kulturaj, artaj, distraj programeroj, montriĝas ankaŭ la ĉefaj elementoj de nia tipa internacia vivmaniero, kiu pli riĉiĝas, danke al la diversaj spertoj kaj personecoj de la partoprenantoj. Inter esperantistoj, oni neniam sentas sin fremdaj.

Vi scias, ke nun, por la lasta fojo vi aŭskultas min en ĉi tiu tasko. Kresko de aĝo kun sekvo de sanproblemoj kaj malkresko de energioj estas naturaj aferoj. Kun multe da malĝojo, plenkonscie mi konstatis kaj konsekvence elektis tion, sed ĉiam restos en mia memoro la multaj ĝojaj momentoj kaj la varmaj amikecoj.

Dum la Plenkusido okazos la elektoj de novaj, plej junaj estraranoj. Certe ili alportos pli freŝajn fortojn kaj ideojn kaj ni devas danki kaj plenfide kuraĝigi ilin, firme promesante ĉian subtenon. Nur tiel, la „torĉo“ de niaj bonaj idealoj transiras de mano en manon, de lando en landon.

Kun ĉi-tiu spirito niaj antaŭuloj komencis agadi kaj tiel ni devas daŭrigi. Kun ĉi-tiu spirito ni vivu la kongreson, donante kaj ricevante la maksimuman kunlaboron, profitante por kreski lingve, profesie kaj home. Ni estu kiel eble la plej malfermitaj al aliaj vidpunkto kaj ideoj, tolereme kaj danke.

En ĉi-tiu spirito mi deziras, ke en Sofio ĉio estu kiel eble plej multe morale kaj materiale plensukcesa kaj ke ĉiuj realigu siajn dezirojn.

Per ĉi-tiuj vortoj mi deklaras la 62-an Kongreson de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio malfermita.

**Romano BOLOGNES1**
(IFEF-Prezidanto)

# Jarraporto de la sekretario por la jaro 2009

La jaro 2009 estis tre interesa jaro, samtempe je agrabla etoso de festo de nia Federacio – cent-jariĝo, samtempe je la etoso de zorgado pri la estonto de la Federacio; kiel unue pro la elekto – jaro kaj anoncita foriro de 4 estraranoj.

Pro tio, al la lastaj kelkaj estrarkunvenoj, jam de la kongreso en Poznano kaj daŭre poste, la estraro invitis personojn ekster la estraro, unue por informiĝi pri eventualaj kandidatoj kaj due por praktike montri al la kandidatoj kiamaniere la estraro kaj la estraranoj aparte, funkcias.

Ekster la kongreso en la jaro 2009 la estraro kunvenis dufoje:

La unuan fojon la estraro kunvenis en en Plounéour-Ménez (FR) 01. 04. 2009 dum FFEA-kongreso en Plounéour-Ménez (FR) 27. 03 - 01. 04. 2009. Ĉeestis la kompleta estraro, sen la ĉefkomitatano.

La duan fojon la estraro renkontiĝis en Arnoldstein (AT) 19. 09. 2009 dum estrarkunveno/vizito Arnoldstein 18-20. 09. 2009. Ĉeestis la kompleta estraro kaj parte ankaŭ s-ro Martin Stuppnig, kiu aranĝis la tutan kunvenon (la trian fojon), kun granda apogo, eĉ subvencio de la urbestro s-ro Erich Kessler.

Miaopinie estas grave en ĉi tiu raporto mencii ankaŭ la ĉijaran estrarkunsidon okazinta en Nantes (FR) 24. 03. 2010, dum la jarkongreso de FFEA (Franca Fervojista Esperanto-Asocio). Ĉeestis la kompleta estraro kaj ankaŭ Rodica Todor (RO), Sylviane Lafargue (FR). Krome, la unuan parton (antaŭtagmeze) ĉeestis ankaŭ: Vito Tornillo (IT), Georges Meilhac (FR), Dominique Fantou (FR), Christian Dardenne (FR).

Dum la estrarkunsidoj la estraro traktis la kutimajn tagordojn. Krom la kutimaĵoj, ĉefe estis traktitaj jam menciitaj aktualaĵoj rilatantaj al la daŭro de la agado kaj vivo de la Federacio.

Pri niaj mortintoj, pri membrostato, pri la funkciado de Faka Komisiono kaj Sekcioj, pri la agado de aliaj komisiitoj oni eblas legi en la raportoj de komisiitoj kaj, laŭ mia opinio, ĉiuj taskoj estas bonkvalite plenumitaj.

Pro tio mi ne ripetus detalojn, kiuj jam estas aperigitaj en nia revuo IF.

Ĉar mi ne rekandidatiĝis por la funkcio de la estrarano, post 3 oficperiodoj ĉe la pinto de nia Federacio, mi konkludas tiujn jarojn de mia vivo en IFEF estraro, kiel ege kontentigan periodon, dum kiu mi ĝuis tre kvalitajn homajn interrilatojn, interkonsentojn, multe lernis pri aliaj kulturoj kaj ekkonis novajn kvalitojn de la homoj, kaj de la vivo ĝenerale.

Mi travivis tiujn 9 jarojn en belega amikeca etoso – kiel en familia rondo. Kun fiero ofte ni montris kaj klarigis al aliaj homoj, ĉefe al neesperantistoj – kiel funkcias estraro kiel kvinmembra diversnacia grupo, kio kolektiĝis pro la sama celo, disvastigi Esperanton.

Mi dankas pro tio al ĉiuj estraranoj, je kies akompaneco mi havis honoron fari ion por nia Federacio dum 9 jaroj.

Mi plej sincere dankas al vi ĉiuj pro la kunlaboro, kaj pro ĉio, mi dankas al Esperanto.

**Marica Brletić**
(sekretario de IFEF)

# Resuma jarraporto de la Landaj Asocioj de IFEF pri la jaro 2009

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2009. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar ne alvenis raporto el Aŭstrio, Pollando, Serbio kaj Slovakio. Inter ili Serbio kaj Slovakio jam de pluraj jaroj ne sendis jarraporton. En Aŭstrio ĉesis la landa asocio de IFEF en la fino de 2009, kaj ekde la jaro 2010 oni fondis Esperanto-Sekcion de Aŭstra Landa Asocio de FISAIC. Pollando en la antaŭaj jaroj sendis jarraportojn, kaj laŭ tiuj mi kalkulas en la nuna resuma jarraporto. En la jarfino de 2009 ekzistis 19 landaj asocioj de IFEF, jene : Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio, Norvegio, Pollando, Rumanio, Serbio, Slovakio, Slovenio. Inter la landaj asocioj Serbio kaj Slovakio preskaŭ ne funkcias, malgraŭ tio, ke ambaŭ landaj asocioj por dek membroj pagis jarkotizon al IFEF en 2009.

## 1./ La landaj asocioj

La landaj asocioj raportis pri 1795 asociaj membroj, kiu nombro estas kun 115 malpli ol en la antaŭa jaro. Mi ankoraŭ kalkulas kun 15 serbaj kaj 10 slovakaj fervojistaj esperantistoj, kiuj ciferoj rolas en la antaŭpasintaj jarraportoj de la koncernaj landaj asocioj. Se ni ekzamenas la tendencon de la malkresko de la membro-nombro de fervojistaj esperantistoj, ni povas konstati, ke la lastaj dek jaroj en ĉiuj jaroj grave malkreskis tiu nombro, jene:

| | |
|---|---|
| 2000: 3100 | 2005: 2310 |
| 2001: 3160 | 2006: 2040 |
| 2002: 2916 | 2007: 1975 |
| 2003: 2630 | 2008: 1910 |
| 2004: 2618 | 2009: 1795 |

Laŭ mia opinio la kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, malboniĝas la ekonomia situacio, ĉefe nun pro la financa krizo en la tuta mondo, kontinue ŝanĝas la fervojaj organizoj, pro tio malkreskas la nombro de fervojistoj, disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo, kaj mankas gejunuloj inter la esperantistoj.

Laŭ la raportoj IFEF nombras – kune kun la individuaj membroj – 585 membrojn, kiu nombro estas kun 41 malpli ol en la antaŭa jaro. La malpliiĝo estas en Francio (21), Danio (10), Italio (5), Germanio (4), individuaj membroj (1). Se mi komparas la membro-nombron de IFEF kun la pasintaj dek jaroj, la rezulto estas la jena :

| | |
|---|---|
| 2000: 1067 | 2005: 718 |
| 2001: 992 | 2006: 681 |
| 2002: 907 | 2007: 684 |
| 2003: 850 | 2008: 626 |
| 2004: 793 | 2009: 585 |

Tio estas malgaja tendenco.

La raportoj indikas el la plena asocia membro pli ol 70%-ojn da emeritoj, kaj en multaj landoj tiu indiko atingas eĉ superas la 90%-ojn, kiel ekzemple en Aŭstrio, Gerrnanio, Italio, Hispanio, Japanio kaj Norvegio.

La nombro de la memstaraj grupoj estas 63

## *2./* Taskoj de landaj asocioj

Ok landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano.

Bedaŭrinde nur 10 landaj asocioj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado, do nur ili konservis historiajn heredaĵojn. Naŭ landoj ne sendis indikojn kaj materialojn al nia prezidanto por pretigi centjaran historion de la fervojista Esperanto-movado, pro tio la plena historia materialo ankoraŭ ne estas preta.

## 3./ Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj

Dekdu landaj asocioj raportas pri bonaj interrilatoj kun la fervojoj. El ili kvin asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni.

Nur tri landaj asocioj kontaktas kun sindikatoj, kaj neniu ricevis apogon.

Dektri landaj asocioj havas rilaton kun la landa FISAIC-sekcio. Hispanio kaj Slovenio ne havas kontakton kun la landa organizo de FISAIC, eĉ en Ĉinio kaj Japanio ne ekzistas landa FISAIC-organizo. Sep landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvin landaj asocioj havas oficon en la FISAIC organizoj.

Laŭ la jarraportoj bedaŭrinde la landaj asocioj en Ĉinio, Hispanio, Japanio kaj Slovenio ricevis apogon nek de fervojo, nek de sindikatoj eĉ nek de landa asocio de FISAIC.

Dek landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj. En kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj ludas gvidan rolon en tiuj organizoj.

## *4./* Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj

Nur en Aŭstrio, Belgio kaj Norvegio ne okazis jarkunveno en la jaro 2009. Entute 350 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj. Nur kvar landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj, nombre 12 personoj. Preskaŭ en ĉiuj jarkunvenoj okazis fakprelegoj, krome dek landoj samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn.

En la jaro 2010 nur en Norvegio ne okazos jarkunveno.

En ok landoj oni aranĝis memstaran fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

## 5./ Interrilatoj kun Esperanto-organizoj

Laŭ la raportoj ĉiuj landaj asocioj havis interrilatojn kun sialanda asocio de UEA, eĉ en kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj agadis kiel estraranoj de tiu.

Entute nur en kvar landoj ekzistis SAT organizaĵo, kun kiuj la fervojistaj esperantistoj interrilatis.

Dekunu landaj asocioj havis bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. Belgio raportas pri bona kontakto kun multaj, eĉ pli ol dek Esperanto-organizaĵoj; Ĉeĥio kun IKUE, KELI kaj la handikapuloj ; Ĉinio kun Asocio de Ĉina Akademio, ILEI kaj la Ĉina Junulara Esperanto-Asocio; Danio kun la “Sunda Agado”; Francio kun la Esperanto Instituto; Germanio kun lokaj grupoj; Hispanio kun multaj katalunaj Esperanto-asocioj, kaj la Barcelona Esperanto-Centro; Hungario kun medicinistoj (UMEA) kaj pacmovadistoj (MEM); Italio kun ILEI, ERA kaj la Ligo de Esperanto-Instruistoj; Rumanio kun UMEA, TEJO, ILEI kaj aliaj landaj Esperanto-Asocioj; Slovenio kun Pasporta-Servo de TEJO.

En Hispanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistas fakdelegito ĉe UEA. Entute 48 fakdelegitoj helpis la agadon de UEA flanke de la fervojistoj.

**6./ Informado en la plej vasta senco**

En Ĉeĥio, Francio, Germanio, Hungario kaj Slovenio aranĝis la fervojistaj esperantistoj ekspoziciojn, kiujn plurmil interesiĝantoj vizitis. Iliaj temoj varie estis la historio kaj agado de la landa fervojista Esperanto-movado, la vivo de la fakgrupoj, la rezultoj de la instruada, terminara kaj faka laboroj.

Dek landaj asocioj en propra medio informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojistaj gazetoj kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Multaj landoj funkciigis murgazetojn en siaj stacidomoj kaj aliaj konstruaĵoj, eĉ kelkaj landaj asocioj pretigis afiŝojn kaj flugfoliojn por popularigi la Esperanto-movadon.

Ok landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj. En Ĉeĥio dum la jarkonferenco okazis kelkaj valoraj fakprelegoj. La Ĉinoj faris prelegojn pri fervojaj aferoj en la Ĉina Esperanto-kongreso kaj en aliaj Esperanto-renkontiĝoj. La danoj, hungaroj, kroatoj dum la klubkunvenoj, la germanoj dum la BSW-estrarkunsidoj kaj en la klubejoj, la italoj kadre de la Franca Fervojista E-kongreso kaj de aliaj Esperanto-renkontiĝoj, la Poloj dum la 94-a Universala Esperanto-Kongreso faris fakprelegon pri fervojfakaj aferoj.

**7./ Instruado**

Estas ĝojplena evento, ke preskaŭ ĉiuj landaj asocioj raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj, kaj la nombro de la kursoj montras similecon kun la antaŭa jaro. Laŭ la raportoj okazis entute 35 lingvokursoj kun pli ol 700 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉinio, Francio, Hungario, Rumanio, Ĉeĥio kaj Italio.

La lingvokursoj estis memstaraj en ses landoj, kaj dek landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio kaj kun aliaj Esperanto-organizoj.

**8./ Junulara agado**

Ses landaj asocioj raportas pri entute 60 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el la tutaj asociaj membroj. Kompare kun la jaro 2005, kiam ankoraŭ la juna membro-nombro estis 218, kaj kun la jaro 2008, kiam ekzistis 72 gejunuloj inter ni, ni ricevas malgajan rezulton. En Ĉinio 20 (en 2005: 150, en 2008:22), en Hungario 30 (en 2005: 55, en 2008:40), kaj en Italio 1, en Kroatio 1, en Rumanio 5, en Slovenio 3 gejunuloj ekzistis.

Memstara junulgrupo ne ekzistis.

Multaj raportoj enhavas plendon pro la manko de gejunuloj. La raportoj konstatis, ke akiri novajn membrojn el la junularo estas « senespera afero ». Vane ni aranĝas pli allogajn programojn, kongresojn, klubkunvenojn, kaj ni popularigas la Esperanton pere de organoj, afiŝoj, murgazetoj, flugfolioj kaj aliaj medioj, la gejunuloj ne venas inter nin, kaj ne interesiĝas pri Esperanto. Do mi devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo en la kadro de nia movado.

**9./ Landaj organoj**

Dekdu landaj asocioj eldonis propran organon. En Aŭstrio, Bulgario, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, kaj Pollando kvarfoje, en Italio kaj en Rumanio unufoje aperis la landa organo en la jaro 2009. La Japanoj eldonis kvar informilojn pri la enhavo de la revuo Internacia Fervojisto. La nombro de la jara paĝo estis 578, laŭlande ĝi varias inter 12 kaj 80 paĝoj.

Bulgario, Danio, Hungario kaj Rumanio eldonis ĝin nur en Esperanto.

Dekkvar landaj asocioj havis spacon en aliaj organoj.

**10./ Faka agado**

Dekunu landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La aktiveco iomete malkreskis flanke de kelkaj landaj asocioj, sed la kunlaboro kun kelkaj landaj asocioj kaj kun UIC estis rezultohava. Ĉefe la germanoj laboris aktive sur tiu tereno.

Naŭ jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

**ll./Ekonomio**

Laŭ la jarraportoj la ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭaj jaroj. En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la reduktoj de la elspezoj povis ekvilibrigi la financan staton. En Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio,Norvegio kaj Slovenio la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga.

Aliaj landaj asocioj plendas, por ke la afrankoj altiĝis, la membrokotizon pagantaj membroj malpliiĝis, la kosto de la uzado de la fervojaj ejoj altiĝis.

**12./ Fina komentario**

La landaj asocioj - kiel ĉiujare - akre formulas la ĝeneralan situacion de la fervojista Esperanto-movado. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, la manko de gejunuloj, kaj la ĉeso de la financajn apogojn. Pro tio neniu volas transpreni la gvidan taskon en la asocioj. Legante la jarraportojn ĉagrene mi konstatas, ke en kelkaj landoj la fervojista Esperanto-movado preskaŭ ĉesas. En Belgio, Norvegio, Serbio, Slovakio estas la plej malbonaj situacioj, ĉefe pro tio, ĉar mankas membroj, kiuj agadas, kaj kiuj transprenas la gvidajn postenojn en la asocioj.

En Aŭstrio la landa asocio (AFEF) ĉesis en la fino de 2009, kaj la fervojistaj esperantistoj fondis Esperanto-Sekcion, kiu apartenas al la landa asocio de FISAIC. Tiu Sekcio havas nur 20 membrojn. Do ni scivole atendas la agadon de tiu Sekcio en la kadro de IFEF.

Estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. Preskaŭ ĉiuj jarraportoj mencias, ke la tendenco estas preferi la anglan lingvon. Pro tio ni devas plibonigi la laborojn de IFEF kaj de la landaj asocioj.

Legante la jarraportojn, parolante kun enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj, partoprenante en Esperanto-kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj mi opinias, ke apud la multaj malfacilaĵoj, ni havas esperigajn eblecojn kaj planojn. Kiel la Germana Esperanta Fervojista Asocio skribis en sia jarraporto : “Ni ne malesperu!!!”, ankaŭ mi denove skribas, ke ni ne ploru, sed agu, kaj tiam nia agado prosperos, kaj ni rajtas diri, ke la heredaĵon de niaj antaŭuloj ni gardos eĉ pligrandigos.

**István Gulyás**

(vicprezidanto de IFEF)

# Raporto de la ĉefkomitatano

Mi partoprenis du estrarkunvenojn , okazintaj ekster la kongreso la 19-an de septembro 2009 en *Arnoldstein*, kaj printempe la 24-an de marto 2010 en *Nantes,* kie estis pritraktitaj la kutimaj tagordopunktoj pri la agado de IFEF, preparlaboroj por la 62-a IFK en 2010 en Sofio kaj la 63-a IFK en 2011 en *Liberec,* Ĉeĥio, financaj kaj redaktaj aferoj, agadplano, kolektado de materialo kaj finpreparoj por eldoni Historian libron pri centjara historio de IFEF, situacio en iuj landoj, eksteraj rilatoj de IFEF kaj aliaj.

Speciala atento post anoncita demisio de kvar estraranoj celis trovi kandidatiĝojn de personoj, pretaj anstataŭi la demisiantajn estraranojn. En interkonsento kun estraranoj mi tiucele preparis kaj dissendis Cirkuleron 1/2009 kaj denove alvokis en Cirkulero 2/2009, aperis gravaj alvokoj en IF 6/2009 kaj 1/2010, rezulte venis tri kandidatiĝoj, la ĝisnuna kasisto pretas plu labori kiel estrarano kaj estas reelektebla.

En kunlaboro kun Vp mi kolektis jarraportojn, kaj kunlabore kun la Ks ĝisdatigis Adresaron de la IFEF-funkciuloj. Entute venis jarraportoj el 16 landoj, malgraŭ petoj ne sendis tiujn Aŭstrio, Serbio kaj Slovakio.

Mi klopodis daŭrigi kontaktojn kun individuaj membroj kaj trovi kontaktulojn en aliaj landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion. Krom cetera tiucele mi preparis alvokon kun titolo „IFEF deziras tutmondiĝi“ – kiun mi sendis al pluraj landaj asocioj de UEA kun peto informi la membraron. La alvoko aperis en IF 3/2010, en kelkaj naciaj E-revuoj kaj bultenoj, tamen ĝis nun sen dezirata rezulto. Aperis ankaŭ aliaj senditaj informoj pri agado kaj aranĝoj de IFEF cele propagandi kaj informi, la plej bona kunlaboro tiucela estas kun Ĉina Radio Internacia, kiu plurfoje raportis pri la IFEF-agado kaj aranĝoj.

Nesukcesaj restas klopodoj por renovigi agadon de landaj asocioj en landoj Svisio, Nederlando, Svedio, Finnlando kaj aliaj, kiuj siatempe ekzistis. Mi tamen ne rezignas daŭrigi tiujn ĉi klopodojn.

Mi kore dankas al la ĝisnunaj estraranoj, al la anstataŭantino de la ĉefkomitatano Rodica Todor, al la komitatanoj kaj al ĉiuj aliaj membroj, kiuj kunlaboras kaj helpas plenumi miajn taskojn. Samtempe mi pardonpetas pro faritaj mankoj.

Kun plezuro kaj danko mi akceptos ĉiun proponon, konsilon aŭ sugeston, kiel plibonigi la agadon por vivigi nian Federacion.

**Jindřich Tomíšek**
(ĉefkomitatano)

# Raporto de la Terminara Sekcio de la Faka Komisiono

Lastjare en Triesto ni esploris metodon, kiel niaj kunlaborantoj kaj aliaj interesatoj povas aliri al la aktuala stato de nia fervoja terminaro. Intertempe la problemo bone solviĝis helpe de kolego *Siegfried Krüger*. Li kompilis *CD-ROM*-diskon kun la aktuala terminaro, kiun ĉiu posedanto de sufiĉe moderna komputilo povas instali. Mi rete dissendis tiun informon, sed bedaŭre miras, ke tiu oferto interesis nur naŭ kolegojn ĝis aprilo, sed pliaj kvar anoncis sin en la unua kunsido. Mi komprenas, ke iuj preferas uzi presitan terminlibron. Tamen elektronika versio multe pli avantaĝas: ĝi ebligas ekzemple aldonon de difinoj kaj memkorektojn de terminoj kaze de ŝanĝo.

La finkreo de nova programaro por kvara eldono de la datumbanko *RailLexic* fare de firmao *Acolada* ankoraŭ daŭras – eventuale plurajn monatojn.

Lastatempe tie estis solvita la problemo, kiel atingi terminojn kun ĉapelitaj komencliteroj. Aktuale ĉe mi estas storitaj 1031 tradukitaj difintekstoj, kiuj ankoraŭ bezonas enigon per senperturbema programaro.

La redaktejo de Plena Ilustrita Vortaro invitis partopreni en sekva aktualigo de PIV, kiu povus reeldoniĝi post tri jaroj. Ne temas pri tute nova vortaro, sed eblas nur malgrandaj korektoj interne de unuopa kolumno. Laŭ Terminara Kuriero 138 nia sekcio nun pridiskutas kelkajn necesajn ŝanĝojn en PIV. Ekzemploj estas difino de la adjektivo „mobila” kaj klara ordigo inter „kargo” kaj „ŝarĝo”. Komune kun Tutmonda Asocio de Konstruistoj-Esperantistoj ni traktas la nocion „taluso”.

**Heinz Hoffmann**
(sekretario de la Terminara Sekcio)




*La Katedralo, Parlamentejo kaj la monumento de la caro Aleksandro en Sofio*

# Raporto de la Fake Aplika Sekcio de la Faka Komisiono

## Internaj aferoj

Dum la jaro 2009 okazis neniu speciala kunveno de FAK membroj.

Menciindaj estas du aranĝoj en Ĉeĥio – ekspozicio omaĝe al 100-jara datreveno de fervojista esperanta movado, kiu estis malfermita en oktobro 2009 en urbo Svitavy en tiea Esperanto muzeo dum la konferenco de Ĉeĥa Esperanta Asocio. Alia estis prelegoj dum jarkonferenco de Ĉeĥa Fervojista Esperanta Asocio – nome prelego de inĝ. Laníček pri historio de elektrodinamika sekuriga sistemo kaj prezento de la libro de inĝ. Jaroslav Matuška pri senbarieraj transportoj en Ĉehio.

## Fervojfakaj kajeroj

Ĵus antaŭ la kongreso aperis la 18-a numero de FFK, kiun preparis nia komisiono kaj kiun vi havas je dispono.
Faka programo dum la 62-a IFEF kongreso.
Por nunjara kongreso estis preparita kiel ĉefa prelego:
A. Maglev: Rekonstruado kaj modernigado de fervojlinio Plovdiv – Svilengrad.
La prelego estis prezentita dum la dimanĉa programo.

## Prelegetoj

Dum dimanĉa programo estis prezentitaj sekvantaj prelegetoj:
A. Maglev: Novaj dizelaj trajnoj aĉetitaj el Germanio.
A. Maglev: Novaj elektrotrajnoj de Germanio.
M. Markov: Novaĵoj en bulgara fervojtransporto (estis interrompita antaŭ la fino kaŭze de tempomanko).

Dum la ĵaŭda programo de la kongreso la 13-an de majo estis prezentitaj jenaj prelegetoj:
R. Giuhat: Normaligo de fervojo Iasi-Kisinau
J. Tomíšek: Kiel aperis nomoj de la trajnoj
J. Niemann: Nova linio ĉe la Kopenhaga metroo
L. Kovář: Terminalo Česká Třebová
J. Niemann: Fervojo kaj arto
J. Matuška: Prezento de la libro Senbarieraj transportoj.
I. Gulyás: Faka programo dum UK 2010 en Havana ne estas ankoraŭ certigita.
La eventon partoprenos la ĝisnuna vicprezidanto I. Gulyás kaj la nova vicprezidanto S. Lafargue. Dum la UEA kongreso 2009 en Bialistok estis prezentitaj diversaj fakaj programeroj.

**Ladislav Kovář**
(sekretario de la Fake Aplika Sekcio)

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Eperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica.todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@sncf.fr“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitomi@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
„laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro:** Jean Ripoche
5 Allée Murillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
„jeanripoche@wanadoo.fr“

Franca poŝtĉekkonto:
**Atentu:**
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al**
**„Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Digitális és Jegynyomda Kft
Jászberényi út 55
HU-1106 Budapest
**„www.ifef.net"**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„ladislav.kovar@worldonline.cz "




**Ekde nun rezervu la datojn por ĉeesti la venontan IFEF-kongreson okazontan en Liberec (Ĉeĥio) de la 07-a ĝis la 14-a de majo 2011. Sekvos postkongreso. Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe viaj landaj asocioj.**

# NI FUNEBRAS



## MÁRIA BALOGH

**(1943 – 2010)**

La estraro de la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio kun granda kordoloro sciigas, ke pro longdaŭra grava malsano nia amata estrarano Mária Balogh forpasis la 22–an de marto 2010.

Ŝi estis estrarano de nia Asocio kiel respondeculo de la ekonomio jam de pli ol 10 jaroj. Ŝi estis helpanto de la IFEF-kongresoj en Balatonfüred (1982) kaj en Pécs (1995), eĉ LKK-ano kiel kasisto en Budapest (2000) kaj en Sopron (2004).

Mária Balogh estis multflanka, altkvalita, diligenta kaj entuziasma esperantisto, kiu daŭre kaj senhezite agadis por Esperanto. Ŝia forpaso signifas grandan perdon por la familianoj, por ni ĉiuj, eĉ por la nacia kaj internacia Esperanto-movado.

Ripozu en paco!

**Hungara Fervojista Esperanto-Asocio**

## NASKIĜDATREVENO

La 29.08.2010, s-ro
**Heinz SCHINDLER**
festos sian 90-an naskiĝdatrevenon.
Pro lia granda merito en jaro 2005 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
**Koran dankon por lia plurjardeka rezultohava grava laboro**